# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 82**

Bulteno de KAEM

Januaro 2014

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

---------------------------------------------------------------------

## Novjaraj Salutvortoj al aziaj esperantistoj

Wang Ruixiang, prezidanto de KAEM
13436481089@163.com



Karaj esperantistoj,

Okaze de la nova jaro, nome de KAEM mi salutas al ĉiuj esperantistoj en la mondo kaj precipe en Azio.

En la lasta jaro E-movado en Azio funkciis laŭregule kaj konstante. Iuj aziaj E-organizoj ludis rolon gravan kaj aktivan por progresigi internacian E-karieron. En Azio aperis okazoj kun nova simbolo de E-movado.

En aprilo Indonezia E-Asocio organizis la unuan Indonezian Esperanto-Kongreson; en la sama monato sinsekve ni okazigis la 7-an Azian Kongreson de Esperanto en Israelo, la plej okcidenta

areo de Azio; en julio dum la 98-a UK s-ro Lee Junkee el Korea E-Asocio elektiĝis kiel estrarano de la novperioda UEA kaj dume KEA anoncis inviti la UK en 2017; en oktobro Japana E-Instituto okazigis la 100-an Japanan Esperanto-Kongreson kaj invitis esperantistojn tra la mondo por komune festi la jubilean eventon en Azio; sinsekve okazis la 45-a Korea Kongreso de Esperanto; en novembro ĈEL okazigis la 10-an Tutlandan Kongreson de Esperanto en Zaozhuang-universitato, kie la plej granda E-muzeo en Azio malfermiĝi; en la fino de decembro Ĉina Junulara E-Asocio okazigis la 32-KS-on en Pekino, Ĉinio, renkontiĝo memorinda kaj neforgesebla inter aziaj junularoj.

Lastjare mi elektiĝis kiel prezidanto de KAEM dum la 7-a Azia Kongreso de Esperanto. Estas ĝojinde, ke ni renkontas grandan epokon. Mi sentas, ke nun la centro de internacia E-movado iom post iom estas moviĝanta al Azio. Ne nur esperantistoj aziaj sed ankaŭ ali-kontinentaj koncentras sian atenton al la disvolviĝo de nia E-movado kaj interesiĝas pri niaj E-aktivadoj. Ĉar en Azio ni posedas disvolviĝantan ekonomion, riĉplenan kulturon kaj popolojn pacamajn. Kvankam ankoraŭ ekzistas konfliktoj inter aziaj landoj, tamen mi kredas, ke la interna idealo de Esperanto povas iagrade ilin mildigi. Mi esperas, ke en estonteco mi povos liveri pli da servoj por E-organizoj kaj esperantistoj individuaj.

Fine mi elkore deziras al ĉiuj samideanoj sanon, feliĉon kaj ĝojon por la jaro 2014.

## Multas farendaj laboroj de KAEM



LEE Jungkee (Estrarano de UEA)
esperanto@saluton.net

KAEM estas centra kontrolturo de azia movado, tial atendas multaj farendaj laboroj antaŭ la unu el ĉefaj organizaĵoj de UEA.

Azio estas giganta kontinento, en kiu loĝas du trionoj da terglobanoj, nature en Esperantujo la respondeco de azianoj estas paralele grava kaj peza.

Mi volas analizi nunan azian movadon regione kaj petas vian atenton por verdigi tutazion.

**Orienta Azio**

Esperantistoj el la kvar landoj en Orienta Azio (Ĉinio, Japanio, Koreio, Mongolio) havas oftajn kontaktojn pro ĝia geografia proksimeco. Laste okazis Azia kongreso en Mongolio, Komuna kongreso inter Japanio kaj Koreio, la 100-a Japana kongreso, la 45-a Korea kongreso, la 10-a Ĉina kongreso, Komuna Seminario en Pekino jarfine, Transjara Kurskunveno de EPA (Esperanto-Populariga Asocio), Internacia Esperanto-Meditado, ILEI-Seminario en Orienta Azio, Internacia kurskunveno de EPA kaj SEK (Seula Esperanto-Kulturcentro). Enhavriĉa Zamenhofa tago en Pingtung, Tajvano. Tiuj eventoj simbole diras, ke oftas renkontiĝoj kaj kontaktoj ĉu landnivele ĉu individue en tiu ĉi regiono.

**Sudorienta Azio**

Depost la Hanoja UK en 2012, movado en Vjetnamio viglas enlande kaj eksterlande. Indonezia movado kreskas sane kaj baldaŭ fariĝos la 12-a aliĝonta landa asocio el Azio. Male ankoraŭ movado en Kamboĝo, Laoso, Singapuro, Malajzio, Tajlando kaj Filipinoj estas ne tiel vigla. Por fortigi tiun ĉi regionon Vjetnamio (VEA) devas roli kiel gvidlando kunlabore kun KAEM. VEA devas konsideri por delegi kursgvidantojn kaj transdoni siajn spertojn al tiuj najbaraj landoj.

**Suda Azio**

Nun movado en Nepalo estas vigla kaj troviĝas kompetentaj junaj esperantistoj, kio estas roza koloro por tiu ĉi regiono. Laste

movado en Barato etendas siajn membrojn por retrovi iaman prosperon. Malgraŭ izoliteco pro politika kialo, movado en Pakistano estas sufiĉe forta kaj longan historion ĝi havas. Ankaŭ movado en Bangladeŝo kaj Srilanko ekmoviĝas. Laste la unua Srilanka Kongreso estis planita, sed tio ne realiĝis domaĝe.

En la nuna momento la rolo de NEspA estas tre grava por vigligi tiun ĉi regionon, kiu fortigis sian potencon tra Himalajaj Renkontiĝoj. Kaj la 2-a SAS, kiu okazos en Pakistano februare, devas esti sukcesa kaj daŭrigos sian okazigo-ritmon senpaŭze.

**Okcidenta Azio**

Marte okazos la 1-a Irana Esperanto-Kongreso post momenta silentado al ekstermondo, kio povos esti nova signalo en tiu ĉi regiono. Vigla movado en Irano donos novan internacian kunlaboro-etoson al najbaraj landoj, t.e. Pakistano, Afganio kaj landoj en Okcidenta Azio. Mi antaŭvidas, ke baldaŭ IREA retrovos iaman sian gloron, kiu simbole diras, ke de la jaro 1975 ĝis 1984 ĉirkaŭ 52,000 ekzempleroj da Esperanto-libroj estis eldonitaj tra 7-fojaj reeldoniĝoj en Irano.

**Meza Azio**

Iam movado en Meza Azio estis vigla, sed laste tiea aktiveco ŝrumpiĝis bedaŭrinde. Laste nur eta moviĝo troviĝas en Kazaĥio kaj Uzbekio. El ceteraj landoj apenaŭ aŭdiĝas novaĵoj malofte. KAEM devas havi atenton pri la movado en Taĝikio, Turkmenio, Armenio kaj Azerbajĝano. Al tiuj landoj KAEM serioze konsideru sendi kurso-gvidanton kaj Esperanto-librojn donace.

Kiel vi vidas, en Azio ankoraŭ troviĝas ne malmultaj landoj, kiuj atendas helpon kaj gvidon de KAEM.

Jen mi proponas tiel, ke respektivaj KAEM-anoj ekhavu atenton ne nur por sia landa Movado, sed ankaŭ por regiona Movado, al kiu KAEM-anoj mem apartenas.

Se nia movado progresos en tiuj kvin regionoj, nature movado en Azio prosperos kaj tumonda movado evoluos.

Vere la farendaj multaj taskoj atendas la manon de KAEM. Mi esperas, ke KAEM kun misio kaj respondeco jam planu, kion ĝi faros en tiu ĉi jaro kaj kiel ĝi disponigos la jaran buĝeton por sia plej efika uzo.

Ni ne devas forgesi la maksimon, ke 'Stagno estas malpregreso!'.

## Informoj pri la 2-a Sud-Azia Seminario - 2014

La 2-a Sud-Azia Seminario - Lahoro, Pakistano,
Renkontiĝo de esperantistoj el sudaziaj landoj kaj el la tuta mondo en Pakistano en la jaro 2014-a.
Datoj: la 25-a de februaro – la 1-a de marto 2014-a

Gheneralaj informoj - 2-a SAS    Alighinformoj - 2-a SAS
Vojaghinformoj - 2-a SAS    Loĝinformoj - 2-a SAS
Programo - 2.a SAS    Alighintoj al la 2-a SAS

Rigardu ankaŭ ĉe:
https://www.facebook.com/events/535855566453056/?source=1
Aliĝoj kaj informoj ĉe: 2a-sas-lahoro@googlegroups.com

*Shabbir Sial - Prezidanto de PakEsA
pakesa_prezidanto@yahoo.com
+92-33442713601/3334428539
www.fb.com/shabbir.a.sial
*Adeel Butt - Asista Sekretario de Sudazia Komitato
adeelbutt@asia.com, www.fb.com/ambtg

# Sukcese Okazis la 32-a Komuna Seminario

Raporto: Pradip Ghimire (Esploristo) esploristo@hotmail.com
Membro de Nepala Esperanta Junulara Organizo



De la 20-a ĝis la 22-a de decembro 2013 okazis la 32-a Komuna Seminario inter orienaziaj gejunuloj en Pekino (Ĉinio). En la 32-a seminario ĉeestis ĉirkaŭ 60 esperantistoj inkluzive komencantajn esperantistojn ne nur el Azio, sed ankaŭ el ekster la regiono. La temo de la seminario estis, « Kio estas la taŭga maniero por kontakti inter la junuloj en Azio ». La seminario abundis je diversaj programeroj. Jen mi listigas la programerojn de la KS.

**Vendrede, la 20an de decembro**

1. Prelego pri qu–opera, Zhang Ping (ĝoja), Ĉina Radio Internacia
2. Interkona Vespero

**Sabate, la 21an de decembro**

1. Malfermo (kafejo de la ĉina internacia eldona grupo)
2. Salutoj de Guo Xiaoyou, Wang Ruixiang, Inumaru Fumio, Micheal-Boris Mandirola, Shi Guang
3. Diskutado laŭ la seminaria temo
4. Paralelaj programeroj laŭ la lingva nivelo
5. Raportoj pri la situacio de la junulara movado en diversaj landoj (ankaŭ mi prelegis pri mialanda estonta plano kaj nuna situacio de Nepala Esperanta Junulara Organizo (NEJO).
6. Prezentado de TEJO kaj aktivula trejnado
7. Kurso de Esperanto por komencantoj sub la gvido de Usui Hiroyuki de El Popola Ĉinio.

**Dimanĉe, la 22an de decembro**

1. Kuirkurso ĉe la Pekina Internacia Instituto por Profesia Trejnado
2. Ekskurso en belegaj lokoj de Pekino inkluzive Grandan Muron.

Fine, mi tre dankas al Nepala Esperanto-Asocio, Ĉina Esperanto-Ligo kaj KAEM. Pekino estas unu el la plej belaj urbegoj en la mondo, kie mi ĉeestis en KS kiel la reprezentanto de mia lando, Nepalo. La spertojn, kiujn mi akiris de la KS, estas grandega kaj memorinda parto de mia Esperanta vivo. Mi lernis multe pri Esperanto kaj ankaŭ pri ĉina kulturo kaj amikiĝis kun multaj junuloj el diversaj landoj. Mi ankaŭ havis la ŝancon viziti kelkajn lokojn en Pekino. Se homoj havos ŝancon partopreni tian programon, certe ili povos disvolvi la lingvan nivelon kaj laboros por Esperanta Movado. Do tiu ĉi platformo al mi estis la ŝanco kaj potenco por labori en Esperantujo.

Vidu la fotojn sube :

http://www.espero.com.cn/2013-12/25/content_30998662.htm

Se la ligo ne funkcias, estas alternativa ligo:

http://esperanto.china.org.cn/2013-12/25/content_30998808.htm

# Indonezio

## Niaj festo kaj agado de Zamenhofa Tago

La 15-an de Decembro, 2013, ni festis Zamenhof-tagon en la muzeo de Azia-Afriko en Bandung. Partoprenis ĉirkaŭ 30 personoj el Bandung kaj apudaj urboj, kiel Cianjur, Ĝakarto kaj Bekasi. La festo estis organizita de E-kluboj en Bandung kaj Ĝakarto kune kun Indonezia Esperanto-Asocio (IEA). La programeroj precipe estis aranĝitaj por rememorigi la partoprenantojn pri historio de la lingvo kaj baza ideo de Zamenhof, kiam li kreis Esperanton. La programo komenciĝis per kantado de la oficala himno de Indonezio 'Indonesia Raya' kaj legado de famaj poemoj de Zamenhof.

Poste okazis la honora parolado de la ĉefo de la muzeo s-ro Thomas Siregar. Li ĝenerale aprezis la progreson de Esperanto-klubo en la muzeo kaj siaj agadoj de diskonigo de Esperanto al la publiko kaj de E-kurso.

Tuj poste ni havis bonan okazon por interparoli skajpe kun s-ro Lee Jungkee el Koreio kaj Pietro Fiocchi el Italujo, kiu laboras en EPĈ, Ĉinio. Ili agrable salutis kaj kuraĝigas nin por ke ni aktive uzu Esperanton kaj daŭre fortigu la movadon. Tiu interparolado montris al ĉiuj, ke Esperanto vere funkcias internacie.

Poste la programo daŭris kun diskutado pri libro, kies titolo estas "Esperanto, Historio, Movado kaj Literaturo". Pro la limigita tempo, ni nur prenis kelkajn paĝojn, kiuj temas pri historio de la lingvo, kiu rilatas al vivsituacio de Zamenhof. La festo agrable daŭris. Ni kune manĝis E-kukon kun Esperanto-flago kaj samtempe spektis mallongan filmon de Esperanto.

Antaŭ la fino de la kunveno, la prezidanto de la asocio, Ilia, malfermis la forumon por informi kaj doni ŝancon al la ĉeestantoj por demandi ion ajn pri E-movado ĝenerale, IEA, kaj la agadoj. La programo en la muzeo finiĝis kun mallonga ekskurso gvidita de Iyan kaj Syauqi (aktivuloj de Bandung) Esperante.



Posttagmeze ĉirkaŭ la 3a horo, la partoprenantoj kune marŝis ekstere de la muzeo por fari E-kampanjon. Tiam 20 personoj aktive informis kaj disdonis la faldfolion al ĉiuj, kiujn ili renkontis ĉirkaŭ la strato de Braga apud la muzeo. Kelkaj homoj interesiĝis kaj demandis pri Esperanto, kaj feliĉe kelkaj de ili estas junuloj. La kampanjo daŭris ĝis la 5a horo vespere, kaj laste ni kune prenis foton kaj revenis marŝe al la muzeo. Ĉio estis bonorda. Unuafoje ni kunvenis inter Bandung kaj Ĝakarta E-kluboj. Ni volas plu daŭrigi la kunlaboradon kun aliaj agadoj.

Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com




## Bulteno de Esperanto en Indonezio

Jam aperis la duonjara bulteno de « Esperanto en Indonezio » kiel oficiala organo de Indonezia Esperanto-Asocio, IEA. En tiu ĉi numero, kiun ni eldonis en Decembro 2013 enhavas raportojn de niaj reprezentantoj al la 100a Japana Esperanto-Kongreso, raporteton kaj artikolojn de lokaj E-agadoj. La redaktoro ankaŭ ricevis artikolojn

de Pietro Fiocchi el EPĈ, Ĉinio. Ni ĝoje bonvenigas artikolojn de aliaj eksterlandaj samideanoj por riĉigi la enhavon de nia bulteno. Bonvolu sendi vian kontribuon al

redakcio-ideo@googlegroups.com.

Se vi interesiĝas havi la paperan version de nia bulteno, bonvole sendu vian peton al

estraro-indonezia-esperanto-asocio@googlegroups.com

Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com

# Irano

## Invito al La 1-a Irana Esperanto-Kongreso en marto

Hamzeh: esperanto@saluton.net

Irana Esperanto-Asocio (IREA) anoncas okazigon de la unua IREK (Irana Esperanto-Kongreso) de la 24a ĝis la 26a de marto 2014. Irano havas longan historion de Esperanto-movado, sed en la lastaj jaroj, esperantistoj de la mondo havis maloftan okazon por viziti Iranon. Jen estas unika okazo por ĝui la Esperantan etoson kun abundaj programeroj kaj samtempe iom turismi tra la lando. Menciindas, ke la kongreso koincidas kun la iranaj nov-jaraj ferioj kaj tio donas oportunon por kaj kongresi kaj ĝui la nov-jarajn festojn tra la lando dum la plej favora kaj agrabla klimato.

La kongresa temo: "Esperanto, Lingvo de Ideo kaj Idealo" estas bone elpensita kaj elektita por la unua landa kongreso, en kiu oni prezentos Esperanton al la publiko kaj samtempe okazos seminarioj, prelegoj, diskutoj kaj rapidaj kursoj. En la programo estas antaŭplanita kulturaj aranĝoj kiel arta vespero kaj muziko dum la unuaj du tagoj kaj ekskurso por la lasta tago de la kongreso.

Estas bonvenaj viaj kontribuoj pere de artikoloj, prezentoj kaj aktiva partopreno en aranĝado kaj plifruktodonigo de la okazo.

Por partoprenantoj el eksterlando eblas aranĝi tranokton ĉe esperantistoj aŭ rezervi hotelon laŭplaĉe. Por akiri vizon, IREA klopodos helpi laŭeble. Interesatoj por partopreni unue serĉu informojn pri vizo ĉe irana ambasadejo de la koncerna lando.

La partopren-kotizo por eksterlandanoj (70 eŭroj) kovras ĉiujn kostojn dum la kongreso krom la tranokto. La kotizon oni pagos surloke.

Por aliĝi, kontribui per artikolo, aŭ proponi artan programeron, simple sendu retmesaĝon al info@espero.ir.

## Zamenhof-festo en Tehrano

Ĵaŭde la 12-an de Decembro vespere okazis Zamenhof-festo en Tehrano. Preskaŭ 55 personoj partoprenis; duono estis esperantistoj kaj la aliaj esperantanoj. La loko estis amfiteatro de la kvartal-domo de Ekbatan kies estrino estas esperantistino. La nombro de partoprenintoj estis la dua rekordo post la festo en kiu partoprenis 60 personoj. La programo estis la plej bunta inter niaj festoj kaj inkluzivis: du prelegoj temantaj pri "Se mi estus Zamenhof" kaj "Iom da nostalgio", raportoj pri progreso en laboroj por la unua Irana Esperanto-kongreso, tri apartaj muzikumoj, du poem-deklamoj, kaj fine konkurso kun libropremio.



## Nova Oficejo de Irana Esperanto-Asocio

Irana Esperanto-Asocio inaŭguris sian novan oficejon. La loko estas luprenita kiel la malnova. La nova oficejo estas 48-kvadrat-metra sendependa apartamento. Sep esperantistoj pagis inter 15,000,000-120,000,000 rialojn kaj la kolektita sumo de 380,000,000 rialoj estis uzata kiel lu-prezo. Aliaj esperantistoj donacis ilojn por la oficejo kaj helpis prepari ĝin.

Ni uzos la lokon por niaj renkontiĝoj, kursoj, kaj biblioteko.

Keyhan Sayadpour ksayadpour@gmail.com

# Japanio

## La 77a Hokajda Esperanto-Kongreso

La 19an-20an de oktobro okazis la 77a Hokajda Esperanto-Kongreso en la urbo Sapporo en la norda insulo Hokajdo. Partoprenis 24 homoj. La 20an estas la ĉefa tago. Antaŭtagmeze s-ro Hori Jasuo havis koncerton per diversaj muzikiloj el la mondo. Posttagmeze denove s-ro Hori prelegis pri la katastrofo de la 11a de marto 2011.

## La 54a Toohoku-Esperanto-Kongreso

La 26an-27an de oktobro okazis la 54a Toohoku-Esperanto-Kongreso en la urbo Jamagata en la norda parto de Japanio. Partoprenis 30 homoj kaj morale partoprenis 60 homoj.

La 26an s-ro Hori Jasuo prelegis pri siaj prelegvojaĝoj en Francio, kaj vespere la partoprenantoj festis la eldonon de KD « Tagiĝo », kiu estis iniciatita de s-ro Isobe Ŝoosaku. La KD enhavas 14 Esperanto-kantojn bele kantatajn de prof. Fuĵino Juuiĉi.

La 27an prelegis prof. Gotoo Hitoŝi pri “Esperantistoj el Toohoku” kaj s-ro Halpern Jack pri “Kiel lerni efike fremdlandajn lingvojn”. Post la kongreso la partoprenantoj ekskursis al la malnova gubernia domo.

## La 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso

La 9an-10an de novembro okazis la 14a Ĉuugoku-Ŝikoku-Esperanto-Kongreso en la urbo Hiroŝima en la okcidenta parto de Japanio. La 9an posttagmeze okazis ekskurso en la Paca Parko kaj vespere bankedeto en restoracio.

La 10an prelegis s-ino Oŝioka Taeko kun la temo “Per Esperanto disvastiĝu la koro de Hiroŝima al la mondo”. Poste okazis enkonduka kurso far s-ro Fuĵimaki Ken-iĉi, raportoj pri La UK kaj la Japana Kongreso, kuirado de *okonomijaki*, mondvojaĝo

per Skajpo kaj prelego de geedzoj Joel laj Ĵenia Amis. Sur la muro oni montris 223 pacmesaĝojn el 57 landoj.

## Zamenhofa Festo en multaj urboj

En Japanio troviĝas preskaŭ 100 Esperanto-kluboj, kaj en multaj kluboj oni festas la Zamenhofan Tagon. Jene venis raportoj:

11/24: Fukui
11/30: Uji-ĵoojoo/Oomi/Kioto, EPA
12/1: Oosaka/Sakai/Nara
12/7: Tokio, Maĉida, 7 Grupoj en Tokio, Ŭakajama
12/8: Ikeda/Tojonaka/Suita, Harima/Koobe, Higaŝi-Ŝikoku, Ehime, Nagasaki
12/14: Sapporo, Nagoja, Universitato Kioto, Okajama, Mijazaki, Kagoŝima
12/15: Morioka, Sendai, Gunma, Funabaŝi, Kanagaŭa, Jamanaŝi, Takacuki/Ibaraki/Hirakata, Hiroŝima, Kagaŭa, Fukuoka
12/16: Kumamoto
12/22: Jamagata

## Invito al La 62a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo

La 31an de majo – la 1an de junio 2014 en Himeĵi okazos La Kongreso de Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj. La urbo Himeĵi estas fame konata pro la mondkultura heredaĵo "Kastelo Himeĵi". Variaj programeroj atendas vin.

**Adresoj:** esperanto_heliko_kleg.jp (por KLEG), harima_heliko_esperanto.ne.jp (por Harima Esperanto-Societo)

Retejoj: http://kleg.jp/    http://esperanto-harima.net/

## Invito al La 63a Kantoo-Esperanto-Kongreso

Tiu ĉi kongreso okazos la 6an-7an de junio 2014 en la kvartalo Kootoo en Tokio. Kun la Kansaja Ligo oni invitos indonezian esperantiston. Pri la detaloj, kontaktu s-ron HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp.

# Nepalo

## Zamenhofa Festo en Itahari

Ni bonege sukcesis pri la Programo de Esperanto. En Itahari ni aranĝis unu programon vespere. En tiu ĉi programo estis 32 personoj. La ĉefo estis Abhishek Pokhrel, la ĉefa gasto estis sinjoro Shree Prasad Pokhrel, vicprezidanto de Nepala Esperanto-Asocio. Multe da esperantistoj aktive partoprenis. La ĉefo Abhishek kaj membro Abhilasha Pokhrel parolis pri graveco de Esperanto . 'Kial ni devas paroli Esperantan lingvon?' Ili bonege klarigis. Kaj prezidanto de Itahari-klubo s-ro Santos Dhamala ankaŭ parolis pri la graveco de Esperanto. S-ro Shree Pokhrel parolis multe pri Esperanto kaj sugestis, ke geesperantistoj plenumu bonon en sia vivo per Esperanto. Ni kuiris bongustan lakto-rizkukon kaj ni havis multe da amuzaĵoj.

* Abhishek kaj Abhilasha, lernantoj, estas gefiloj de Shree Pokhrel

## NEspA festis 154-an Zamehofan Tagon

Nepala Esperanto-Asocio festis Zamenhofan Tagon la 15an de Decembro 2013 en Esperanto-Domo en Thamelo. La programo komenciĝis je la kvina posttagmeze kaj finiĝis je la 6a horo vespere. KAEM-ano Mukunda Raj Pathik, la ĉefo s-ro LP Agnihotri, kunfondinto kaj nuna konsilanto de NEspA s-ro Philip Pierce kaj gasto kaj volontulo de NEspA s-ro Mian Salan Shany komune inaŭguris la programon lumigante la kandelon.

Poste, ĉiuj prelegis pri Esperanto kaj vivo de Zamenhof. Ili emfazis dirante, ke Esperanto ne nur estas lingvo sed ĝi estas amikeco, frateco kaj kunlaborado. Ni sentas, ke ĉiuj esperantistoj devenas el sama familio pere de la ideo de Esperanto. Ankaŭ ĉiuj pretis laŭeble helpon por la loka kaj regiona movado. Ili ĉiuj konstatis, ke laboro de Zamenhof pli kaj pli taŭgas en la nuna mondo. Ili ankaŭ malkovris la fakton, ke ies gepatra lingvo ne

povas esti internacia lingvo, tio kaŭzas lingvan diskriminacion. Ankaŭ ili memorigis, ke ni ĉiuj devas propagandi kaj instrui Esperanton por ke ĝi vivu kaj estu utila por la venontaj generacioj.

S-ro Pradip Ghimire, estrarano de NEJO ludis registraĵon de la voĉo de Zamenhof titolita "kun homoj kun homoj" per sia portebla telefono. Ankaŭ pli multo de ĉeestanoj klarigis, ke ideo de Esperanto estas bona kaj alloga do, ni senegoisme devas kontribui al la movado por plibonigi la mondon. S-ro Navian Subedi kantis Esperantan kanton, kiun li mem verkis.

Bharat K Ghimire

## Speciala Ekskurso, 2014, en Nepalo




La Nepala Esperanto-Asocio anoncas 12-tagan specialan ekskurson de la 6a ĝis la 18a de marto 2014. Ĉiuj scias, ke NEspA okazigas la Himalajan Renkontiĝon en ĉiu dua jaro. La Himalaja Renkontiĝo signifas plejparte piedvagadon en la montaro, sed tio ne eblas al ĉiuj aĝ-grupoj. Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas tian marŝadon. Ĉi-foje ni okazigos, do, ekskurson al famaj nepalaj turismaj lokoj atingeblaj per buso kaj sub belaj pejzaĝoj inkluzive Katmanduo-n, Nacian Parkon Ĉituan, la naskiĝlokon de Budho Lumbini, Palpa, Pokhara kaj la famajn montarojn videblajn en Pokhara.

**Laŭtaga programo**

6a de marto   Alveno kaj enhoteliĝo

7a: Vizito al Baŭdhnath, Pasupathinath kaj Bhaktapur

8a: V izito al Svajambhunath kaj posttagmeza vizito al Patano

9a: Je la 7a horo matene forlaso de Katmanduo por Ĉitŭan Nacia Parko; ekskurso al etna vilaĝo posttagmeze

10a: Observado de birdoj antaŭ matenmanĝo. Kanota veturado kaj promenado antaŭ la tagmanĝo; elefantrajdo kaj ĝangala promenado posttagmeze

11a: Ekveturo al Lumbini post la matenmanĝo, ekskurso en la ĉirkaŭaĵo de Lumbini-templo kaj tranokto en hotelo

12a: Vizito al Maya-Devi-templo kaj diversaj vidindaĵoj; post la tagmanĝo veturo al Palpa

13a: Matena ekskurso en Palpa, inkluzive al malnova palaco; forveturo al Pokhara

14a: Je la 6a horo matene ekveturo al Sarangkot por rigardi Annapurna-n kaj aliajn montojn; posttagmeze ekskurso al diversaj lokoj

15a: Ekskurso kaj posttagmeze diversaj esperantaj programeroj

16a: Reveno al Katmanduo frue matene kaj ripozo

17a: Libera tago kaj adiaŭa vespero

18a: Foriro

**Kotizo:** 750 eŭroj por 11-taga ekskurso, restado en bonkvalita hotelo, tri manĝaĵoj ĉiutage, enirpagoj en diversaj lokoj kaj transportado

Bv sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon.

**Kontakto:**

Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518, Kathmandu, Nepal.

Retadreso: nespa.1990@gmail.com

# Ĉinio

## Orienta Esperanto-Seminario

**Temo:** Konsciigo, kapabligo, kaj praktiko por nia lingvo Esperanto.

**Tempo kaj Loko:** 16-23, aŭgusto 2014, Xi'an (Siano), Ĉinio.

**Kotizo:** Antaŭpage 30 eŭroj, surloke 35 eŭroj, senpage por lernantoj de Somera Esperanto-Lernejo en Xi'an.

**Kontakto:** Xi'an-Esperanto-Asocio, str. Huojulu 4, B510, CN-710043 Xi'an, Ĉinio; Tel: 0086-29-83652189, orientaesperanto@163.com. http://www.esperanto.cn/amo/

## Esperanto-Centro Dungas Volontulan Oficiston

Esperanto-Centro (preparanta nuntempe en urbeto de nordokcidenta Ĉinio) deziras dungi Esperanto-parolantan volontulon (ĉinan aŭ alilandan).

La oficisto plenumos subajn taskojn de la Esperanto-Centro: Organizi Esperanto-Kurson, Retan Esperanto-Kurson, angla-lingvan kurson por lokaj interesatoj (se li/ŝi kapablas); Redakti kaj eldoni retan gazeton; Administri membrojn de E-organizo kaj E-retejon; Propagandi Esperanton en diversaj retejoj kaj eldonaĵoj;

**Kondiĉoj por la oficisto**

Povas labori en la centro minimume 6 monatojn. La centro liveros al la oficisto simplan loĝan ĉambron ene de la centra oficejo, litaĵojn, salajron, kiu sufiĉas vivi laŭ loka vivnivelo. Pri aliaj kondiĉoj, kontaktu s-ron Trezoro Huang Yinbao trezoro@uea.org

## Esperanto-societo de la Dependa Mezlernejo

En la lasta tagdeko de aŭgusto 2012 ni fondis Esperanto-societon de la Dependa Mezlernejo sub la Ŝanhaja Fremdlingva Universitato. Ĝi sin dediĉas al la disvastigo de Esperanto al la geinstruistoj kaj gestudentoj de la tuta lernejo. En la dua semestro ni ne nur ŝanĝis la oftecon de la rutina aktiveco al ĉirkaŭ unu fojo ĉiusemajne sed ankaŭ pliigis al la societanoj la

scion pri ĉiutaga vortprovizo, ĉiutaga dialogo kaj aliaj, samtempe ni instruis al la societanoj la gramatikon de Esperanto. Post kiam mi montris al la societanoj la protokolon, ke mi rektlinie babilas kune kun la geesperantistoj el Eŭropo, Aŭstralio kaj aliaj reteje « lernu », la entuziasmo de ĉiuj ellerni Esperanton plie ekaltiĝis. La Esperanto-societo aktive partoprenis en diversaj aktivecoj en la Lernejo, ekzemple “societo-ekspozicia” aktiveco pri la Dependa Mezlernejo sub la Ŝanhaja Fremdlingva Universitato, nia societo-ekspozicio kaj aliaj. Ni speciale kompilis Esperanto-instruan materialon por la Esperanto-konkurso. Ni propagandis Esperanton al tiuj, kies unua fremda lingvo estas la angla. Por tiuj, kiuj lernas la etajn lingvojn, ankaŭ ekkonas Esperanton, ni speciale preparis al ili problemojn, ekzemple, kio estas la ekvivalento de « trinki » en la franca, kio estas la ekvivalento de « dankon » en la germana kaj aliaj, multe da lernantoj multfoje partoprenis en la defio pri respondo de la demandoj. Krom la respondo de la problemoj, repliko de Esperanto kaj la aprezado de Esperanto-kantoj, kiun ni kune kun la lerneja radiostacio aranĝis, ankaŭ estas la programeroj de la aktiveco de la Esperanto-societo.

Yingeng <yingengji@163.com>

## Esperanta Renkontiĝo en Harbino



La 6-a de Decembro 2013. Esperanta Renkontiĝo Vespero okazis en Harbino okazigita de Heilongjiang-a Esperanto-Asocio, kaj Harbina Yutong-a Esperanta-Instituto. Partoprenis entute 35 esperantistoj, inter kiuj estis 25 junuloj. Ni celebris la naskiĝon de Zamenhof kaj Feliĉan Novan Jaron. Ni estis gajaj kaj feliĉaj en hodiaŭa Esperanta Renkontiĝo Vespero!

Song Ping songheshu@126.com

## Internacia Esperanto-Muzeo inaŭguris

Internacia Esperanto-Muzeo en la universitato de Zaozhuang en Ĉinio havis sian solenan inaŭguron la 16-an de novembro en 2013. La muzeo estas konstruita de Ĉina Esperanto-Ligo kaj Universitato en Zaozhuang kaj okupas 680 kvadratajn metrojn kun 26,000 kolektaĵoj. Sun Mingxiao semio@163.com,




**Geesperantistoj el Ĉinio kaj Hispanio celebris la Zamenhofan Tagon 2013 en Kantono**

## Zamenhofa Festo en Tajvano

Zamenhof-Festo 2013 organizita de Esperanto-kurso de Pingtung-a Komunuma Kolegio okazis la 15an de decembro en Zhizheng-Mezlernejo en Pingtung.

La festo estis bunta, internacieca kaj Esperanta. Ĝi ne estis serioza Esperanto-kunveno, sed gaja kunveno por varbi novajn samideanojn kaj kuraĝigi la komencantojn de Esperanto.

Jen kelkaj statistikoj:

1. Ĉeestantoj el dek landoj (Ĉinio, Francio, Hispanio, Irano, Japanio, Kanado, Koreio, Tajlando, Usono, krom Tajvano).
2. 75 enskribitaj Esperantistoj kaj ne-Esperantistoj
3. Ĉirkaŭ 40 homoj, kiuj prezentis siajn artojn.
4. La kotizo por la festo estis nur 100 tajvanaj dolaroj, aŭ tri eŭroj.
5. Broŝuro de Zamenhoffesto enhavis 30 paĝojn (pri Esperanto, gastoj, prezentantoj de programeroj, abontarifoj ktp) kaj estis presita en 200 ekzempleroj! Krom disdono inter la partoprenantoj ĝi ankaŭ iros al multaj, kiuj sendis mesaĝojn al nia festo el alilandoj kaj amikoj en kaj ekster Tajvano.
6. Gratulmesaĝoj (5 filmoj) al la festo el 17 landoj kaj 5 kontinentoj.

Cho Chao-ming verda.ombro@gmail.com

# Israelo

## La Zamenhofa Vespero kaj Landa Kunveno

La Zamenhofa Vespero kaj Landa Kunveno de ELI okazis marde la 17.12 en la Tel-Aviva klubo kun la ĉeesto de ĉ. 30 personoj - malpli ol kutime pro la malvarmega vetero kaj la foresto de la s-anoj el Jerusalemo, kie ankoraŭ la trafiko malfacilis pro la ŝtormego. Bildoj de la vespero videblas ĉe https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/ZamenhofaVesperoTelAvivo2013

La vespero, kiun gvidis Matilda kaj prezidis Gian Piero, komenciĝis per minuto da silento je memoro de Esti Saban kaj Jehezkel kiuj forpasis ĉi-jare.

En la arta parto Doron Modan pianludis valson de Shopin, Tali Wandel prezentis oritmian dancon laŭ la kanto "La Vojo", Doron prelegis pri "Zamenhof kiel tradukisto" kaj Natalia prezentis Ciganan dancon. Fine ni vidis arkivan televidan programon de antaŭ pli ol 40 jaroj, kun la forpasinta Josi Shemer en kiu li rakontis pri sia sekreta okupo: instruisto de Esperanto.

En la dua parto de la vespero la kasisto Shlomo Shahar prezentis financan raporton pri 2012 kaj mi prezentis la prezidantan raporton pri la agado de ELI dum 2013 en la formo de bilda prezentaĵo, videbla ankaŭ rete:

http://www.slideshare.net/amriw/agado-de-eli-2013.

Sekve okazis debato kaj voĉdonado pri la transiro al nova klubejo kaj pri la venonta Israela Kongreso. Estis elektita Kfar Hanokdim apud la Morta Maro, dum 3-5.4.2014. Fine la kunveno elektis la novan estraron. Estis du ŝanĝoj kompare kun la antaŭa estraro: anstataŭ la forpasinta Esti aliĝis Dror Gaon, kaj anstataŭ Joni Kislov (kiu forlasis pro sia pentrista kariero) aliĝis Lea Kudevicki. Oni finis per solena kantado de la himno.

Amri Wandel, Prezidanto de ELI amri@huji.ac.il

# Pakistano

## PakEsA festis 154-an Zamehofan Tagon

Pakistana Esperanto-Asocio festis Zamenhofan tagon la 15an de Decembro, 2013 en The Falcon School, Multan.

En la festo parolantoj prilumis vivon de Zamenhof. Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ por amikeco, frateco kaj reciproka kunlaboro. La programo komenciĝis je la kvina horo posttagmeze kaj finiĝis je la 3a horo vespere.




Dum la programo, infanoj de lernejo svingis flagojn de Esperanto. Je la fino de la programo, naskiĝtaga kuko estis tranĉita. La evento estis ankaŭ okazo por ekspozicio de libroj en Esperanto.




Hamid Saleem Minhas, Ĝenerala sekretario de PakEsA
hamid.pakesa@gmail.com

# Vjetnamio

## Por ke la paco kaj la feliĉo persistu en longa tempo

**Nguyen Hop**

La tempo pasis, la Serpento-jaro estis en la pasinteco,
Ni ĝojas, kiam nia lando akceptas la printempon.
Posteuloj de Drako kaj Feinoj,
Kun naŭdek milionoj da loĝantoj,
Ni konstruas nian nacion en la fiero.

De la venko sur la rivero Bach Dang ĝis la venko en Dien Bien,
Apliki la firmecon en defendo de niaj antaŭuloj,
Ni venkis multe da eksterlandaj invadintoj
Kaj konservas nian sendependecon por iri antaŭen.

Plifortigu la solidarecon en diversaj kontinentoj,
Alportu la prosperon kaj la potencon kun niaj agadoj,
Antaŭen iru apud geamikoj de la tuta mondo
Por ke la paco kaj la feliĉo persistu en longa tempo.

## Zamenhof-Tago 2013 en Hanojo

Ĉi-jare, Zamenhof-Tago estis organizita ĝuste la 15an de decembro, la naskiĝtago de Zamenhof, en la kunvenĉambrego de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj. Malgraŭ la vintra malvarmega kaj pluva vetero, cirkaŭ kvardek esperantistoj venis por memori la specialan tagon.



S-ro Nguyen Van Loi, prezidanto de VEA, faris bilancon de la jaro 2013. Li speciale emfazis la aktivan agadon de gejunuloj. En la kvina kongreso de VEA okazinta ĉi-jare, multaj junaj esperantistoj estis elektitaj membroj de Centra Komitato de VEA, respondecante pri junularo, informado kaj trejnado, la tri pilieroj de la Esperanta movado.

Malsame ol kutime, la ĉi-jara kunveno rezervis plejmulte da tempo al la junularo, precipe, al tiuj, kiuj partoprenis en kelkaj grandaj mondaj kaj regionaj kongresoj en la tuta mondo. Unue, Nguyen Thi Phuong (Flama Floro), prezidanto de VEJO, rakontis pri sia partopreno en UK 98a, Itala Kongreso, Festo en Belgio kaj sia vojaĝo tra Eŭropo. Sekve, Nguyen Thi Nep (Nepo) rakontis pri sia vojaĝo al Japanio por partopreni la 100an Japanan Esperanto-kongreson. Kadre de la kongreso, ŝi faris prezentadojn pri vjetnama kulturo, konkrete, pri banĉuno (vjetnama speciala glurizo) kaj pri tradicia bambustango-danco. Tran Thi Hoan (Ĝojo) parolis pri sia unua vojaĝo eksterlanden, por partopreni en IJK 69a (Israelo), kiel rekompenco de TEJO al aktiva helpantino dum IJK 68a en Hanojo. Ŝi ankaŭ raportis pri la aktivecoj de la vjetnama grupo (konsistanta el kvin junulinoj!) en IJK 69a. Oni povas diri, ke 2013 estas sukcesa jaro por la junaj vjetnamaj esperantistoj. Ni esperas, ke ili daŭre alportos sian efikan kontribuon al la vjetnama kaj tutmonda movado.

Inter la paroladoj, "Rizoj", kanto-grupo, gvidata de Phan Ngoc Cung, kiu ĵus edziĝis al Trang, juna esperantistino, prezentis du kantojn “Bonan naskiĝtagon” kaj “Venu al Vjetnamio” en Esperanto. S-ino Cao Truong (Alta) kortuŝite donis al ili donaceton kun la plej bonaj deziroj.

Krome, Nepo organizis interesan kvizon pri la historio de la movado. La demandoj estis iom malfacilaj, sed ĉiuj ĝuis ilin. Danke al la kvizo, ĉiuj gajnis konon pri Esperanto kaj la historio de movado.

Fine, S-ro Doan Ngoc Anh informis pri la kunveno de « Nguyen Van Kinh »-sekcio, en kiu Trinh Hong Hanh (Pacpasero) estis elektita sekciestro. Krome, li prezentis libreton de esperantlingvaj vjetnamaj kaj eksterlandaj kanzonoj kolektitaj delonge.

Speciale menciindas la partopreno de du komencantoj el Fremdlingva Universitato. Post sinprezento, ili kun sia instruistino Ĝojo kantis la kanton "Bela lingvo". Daŭra trejnado de pli junaj lernantoj estas la nepra kondiĉo por garantii la junecon kaj la estontecon de la movado. Pham Thi Phuong Nhung (Akvino)

## Geedziĝfesto de geesperantistoj en Hanojo

Phuong Nguyen (Flama) au.ag.phuong@gmail.com



Hodiaŭ, la 9an de decembro, mi partoprenis en geedziĝfesto de geesperantistoj en Hanojo. Tio estas tre signifa evento por mi.

La novedzo Phan Ngoc Cung estas handikapulo, li ne povas vidi. Kaj la novedzino Pham Minh Trang estas tre ĉarma kaj juna virino, ŝi ĵus diplomiĝis de universitato.

Antaŭ pli ol unu jaro, ni organizis kurson de Esperanto en universitato por instrui al komencantoj, kiuj fariĝu helpantoj dum la UK kaj IJK en Hanojo. La novedzino partoprenis en tiu kurso. Kaj VEJO invitis la novedzon veni por instrui al lernantoj kantojn en Esperanto. Li ne povas vidi, sed li bele kantas.

Kaj tiam ili ekkonis unu la alian, kaj post la UK kaj IJK ili enamiĝis, pasis unu jaro kun kontraŭo de du-flankaj familioj, finfine ili havas belan geedziĝfeston hodiaŭ. Mi tre ĝojas je tio, pensante, ke Esperanto kunigas ilin.

# Barato

## “Ni revigligu la movadon en Barato”

A.Giridhar RAO agrao99@yahoo.com

"Ni revigligu la movadon en Barato, kaj jen la vojo antaŭen!" – Tio ĉi estis la optimisma mesaĝo de la Barata Esperanto-Kunveno (BEK), kiu okazis en Hajderabado, Barato, la 26an kaj 27an de oktobro 2013.



Malgraŭ politikaj tumultoj kaj pluvinundoj, 17 esperantistoj sukcesis kunveni ĉe la bela germana kulturcentro Goethe-Zentrum en la urbomezo en Hajderabado. Ses venis de Kolkato, unu de Goao, unu de Bengaluro, kaj unu venis de fora Rio de Ĵanejro, Brazilo! La ceteraj estis de Andhrapradeŝo– el Tirupatio (1), Visakhapatnam (1), kaj Hajderabado mem (6).

Ĉar ne okazis estrarkunsido antaŭ la kunveno, tiu ĉi kunveno ne povis esti landa kongreso – tial la nomo "Barata Esperanto-Kunveno". Plue, pro malsano, la prezidanto de FEB, d-ro Abdul SALAM, ne povis veni. Tamen, ĉeestis la kunvenon la sekretario (Giridhar RAO), kaj la estraranoj s-ro P. PATRANABIS, d-ro RANGANAYAKULU kaj s-ro Nischad SALAM. Ankaŭ ĉeestis la kunvenon la eksprezidanto de UEA, d-ro Probal DASGUPTA. La ĉefgastino estis la administra direktorino de Goethe-Zentrum, s-ino Amita DESAI.

Prepare al la kunveno, la Goethe-Zentrum malavare gastigis je la antaŭa tago publikan prelegon anglalingvan: "Esperanto: lingvo kaj

kulturo". Post la prelego, s-ino Desai petis la preleginton (Rao) fari similan prelegon por la ĉirkaŭ 70 personoj, kiuj lernas la germanan ĉe Goethe-Zentrum. Dum sia ĉefparolado en la kunveno, s-ino Desai ankaŭ proponis, ke oni instruu ĉe la kulturcentro Esperanton kiel preparlingvon por la germana.

La kunvena temo, "Esperanto en Barato: eblecoj kaj defioj", estis amplekse diskutita en la tago-kaj-duono dum diversaj sesioj. Krome estis fruktodona sesio de konversacioj kun tri el niaj verkistoj– s-ro S. S. PAL (kun Giridhar), kaj d-ro Ranganayakulu (kun Nischad) kaj d-ro Dasgupta (kun d-rino Mina DAN).

Ankaŭ indas mencii la partoprenon de s-ino Marcia B. DE OLIVIERA el Rio. Ŝi prezentis al ni pere de multaj videoj buntan bildon de la diversega kulturo de Brazilo.

Se temas pri bunteco, la kulturprogramo sabat-vespera lumigis la sudbaratan klasikan muzikon karnatakan. La muzikgrupo a.s.t.i regalis la ĉeestantojn per viglaj eroj de diversaj komponistoj de la karnataka muziko. Ĉeestis la kulturprogramon multaj ne-esperantistoj. Ili miris, ke bone funkcias la lingvo Esperanto.

Fine de la kunveno proponis la dankvortojn, s-ro KOTHA Naga Siva.

Jen kelkaj el la proponoj de la kunveno:

- Ni kunvenu jare je specifaj datoj. Tiurilate, la tagoj antaŭ la Internacia Himalaja Renkontiĝo en Nepalo eble estas bona tempo. Tiel, ankaŭ eksterlandaj esperantistoj povas ĉeesti niajn kongresojn.
- Ni rekonektu kun la esperantistoj tra la tuta lando. Estas pluraj esperantistoj, kun kiuj ni perdis kontakton. Ni refaru tiujn ligojn.
- Ni rekomencu eldoni nian revueton « Fenestro » – ankaŭ la paperan version.
- Ni disvastigu informojn pri Esperanto en lernejoj, kolegioj, ktp.
- Tiucele, ni preparu informfoliojn pri nia afero en diversaj barataj lingvoj.

- Ni ankaŭ renovigu nian retejon kaj ĝisdatigu ĝin.
- Ni havu sekcion de ILEI en Barato kiu povas (i) plikapabligi niajn instruistojn; kaj (ii) konformigi la Esperanto-lernadon en Barato kun la KER-normoj ĉe ALTE.
- Ni kreu en la Vikipedio bazajn tekstojn pri barataj aferoj.
- Ni kreu en la Vikipedio profilojn de esperantistoj kiujn la mondo konas pro aliaj kialoj (projekto Vizaĝoj).
- Ni flegu rilatojn kun lokaj neesperantistaj rondoj.
- Ni faru kontaktojn kun la landa Uneska komisiono.
- Ni pagigu niajn membrojn, tiel ke ni povu sendi al UEA jaran sumon.
- Pli longtempa plano estas dungi plentempan laboranton por FEB.

Espereble, FEB antaŭenigos tiujn ĉi proponojn de la Barata Esperanto-Kunveno.

# Koreio

## Zamanhofa Festo

La 14-an de decembro 2013, la 154-an Zamenhofnaskon festis Korea Esperanto-Asocio (KEA) en KEA-oficejo. La festo komenciĝis per la himno 'La Espero', meditadis pri d-ro Zamenhof kaj pri la pioniroj de Esperanto-movado. BAK Suhyeon prezentis personan historion de d-ro Zamenhof. MA Youngtae prelegis sub la temo 'Soci-ekonomia efiko de Esperanto'. En la 2a parto de la evento, KIM Onnuri (Onia, prez. de KEJ) kaj KIM Seon-wook (Suno, vicprez. de KEJ) de Korea Esperanto-Junularo (KEJ) gvidis la programeron amuzvesperan kun la titolo 'Respondu, la antaŭuloj!', kie ili mem kantis kantojn anticipe petitajn de partoprenantoj kun siaj rakontoj. La kontribuo de tiuj junuloj emociis siajn antaŭulojn. Partoprenantoj interŝanĝis librojn.

kea@saluton.net

# Alvoko por la Internacia Virina Tago 2014

Skribas OSIOKA Taeko el la urbo Hirosima, Japanio

Ni Hirosima Esperanto-Centro kiel unu el 23 organizoj sub la Plenuma Komitato de Internacia Virina Tago 2014 Hirosima sendas al vi mesaĝon. Ni petas vin doni al ni vian respondan mesaĝon por la Tago, kaj transdoni nian mesaĝon al viaj geamikoj, viaj asocioj. Ni ekspozicios vian mesaĝon ĉe publikaj ejoj de la urbo Hirosima, kaj prezentos en la kunveno de la Tago.

**Limdato**: la 10-a, februaro 2014.
**Formato**: maksimume sur unu leterpapero A-4 formata.
**Via informo**: nomo, sekso, profesio, urbonomo, lando.
Ankaŭ viroj rajtas skribi al ni.
**Kontaktoadreso**: OSIOKA Taeko osioka@mua.biglobe.ne.jp
Oogonzantyo 7-15, Minami-ku, Hirosima, 734-0041 Japanio

---------------------------------------------------------------------------

## Mesaĝo por la Internacia Virina Tago 2014, Hirosima

Estimataj kaj karaj gesinjoroj en la mondo,

Ni, la plenuma komitato de la Internacia Virina Tago de UN 2014 Hirosima, konsistas el 23 organizoj kaj la municipo Hirosima, salutas vin solidarece, kaj elkore alvokas al vi. En la 2-a de marto, 2014, por la Internacia Virina Tago de UN en la 8-a de marto, ni havos kunvenon por kunlaboro per saĝoj kaj fortoj, kaj antaŭenpuŝi konstruon de la socio por komuna partopreno de geviroj.

Virinoj de la gubernio kaj de la urbo Hirosima organizas kunlaborojn por heredigo de la socio paca al sekvanta generacio. Nur en paco ni povas koncentri fortojn por antaŭenpuŝo de komuna partopreno de geviroj.

“Pasis tri jaroj ekde la katastrofo de la unua atomcentralo de Fukuŝimo administrata de Tokia Elektropova Kompanio (TEPCO). En kia situacio la infanoj en Fukuŝimo vivas post la katastrofo...?” estas la ĉefa temo de la Tago 2014, kaj ni pripensas pri nutraĵo kaj estonteco por la infanoj.

La registaro diris ke “La malpurigo pro radioaktivaj substancoj ellasitaj de la akcidento de atomcentralo kaŭzis la plej seriozajn kaj malbonajn problemojn el ĉiuj malpurigoj de la medio”. Kaj ankoraŭ nun la infanoj en Fukuŝimo ne povas ludi libere eksterdome. Ili vivas kun timo, kio estas tuŝebla, manĝebla, kaj eĉ spirebla…. Kaj, pli granda timo estas interna alradiado. Ni respondecas certigi riĉan kaj sekuran estontecon por la infanoj. Okaze de la Virina Tago ni pripensas kiel agadi por estonteco de niaj infanoj.

Bonvolu doni vian opinion, kian estontecon ni transdonu al la infanoj, ni petas. Vian mesaĝon ni ekspozicios en du kunvenejoj de la urbo.

S-ino YOSIDA Mariko : Prezidanto de la plenuma komitato por la Internacia Virina Tago 2014, Hirosima

La municipo Hirosima

Kun virinaj organizoj:

Arko de Hirosima/ Konsilio Yui-porto / Kina karavano/ Novjapana virina asocio/ Ligo de vartistoj/ Hirosima Esperanto-Centro/ Ligo de medicinaj sindikatoj/ Sindikato de emeritoj/ Instruista laborsindikato/ Ligo de solaj patrino k infano (urba)/ Laborsindikato de municipaj oficistoj/ Laborsindikato de urbaj oficistoj/ Ligo de patrinoj de la urbo / Ligo de lokaj virinaj asocioj de Hirosima/ Ligo de virinaj asocioj WENET/ Ligo de Komercistoj/ Virina demokrata klubo/ YWCA/ Centro de komuna partopreno de geviroj en la socio/ Ligo de Patrinoj de la gubernio/ Koruso Paĉe/ Sekcio de komuna partopreno de geviroj de municipo Hirosima/ Konsilio de Kino-rondoj de la urbo.

# Rapidu !!!
# Aktivuloj, membriĝu al UEA
# subvenciite de "Fondaĵo Azio de UEA"

Estas malfacile por esperantistoj loĝantaj en nepagipovaj landoj membriĝi al UEA pro financa kialo, tamen certe vi volas esti membroj de UEA. Do sendu jenan peton al KAEM. Se KAEM konstatas, ke vi estas diligentaj esperantistoj, ĝi aligas vin al UEA senpage kaj vi ricevos la belkoloran organon "Esperanto" 11 fojojn jare. Jam vi ne estos izolitaj esperantistoj, sed en la rondo de la monda esperantistaro.

**Aliĝ-maniero**

1. Skribu jenajn du aferojn.

1) Viaj nomo, adreso, retadreso, naskiĝdato, profesio, kariero en Esperantujo ktp.

2) Viaj agadoj por la movado en 2013 kaj planoj en 2014.

2. Sendu ĝin poŝte al KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Aŭ sendu rete al s-ro INUMARU Fumio inumaru-f@nifty.com

* Skribu "Projekto C" kiel titolon aŭ sur la koverto.

3. Limdato: la 30a de novembro 2013. (Iom da tempo ni atendas vin)

**Notoj:**

1) **Skribu klare vian nomon kaj adreson en Esperanto!!!**

2) Rajtas membriĝi nur unu el la familianoj en la sama adreso.

* En 2013 entute 139 homoj estis akceptitaj kiel membroj de UEA.

Vjetnamio: 47 Ĉinio: 24 Mongolio: 16

Pakistano: 21 Indonezio: 4 Nepalo: 27

* Certe troviĝas kandidatoj pri tiu subvencio en aliaj landoj. Ne forgesu peti.

# Esperanto-eventoj ===

**2014**
2.25 ~ 3.1 La 2a Sud-Azia Seminario / Lahor, Pakistano
3.6 ~ 3.17 Speciala Ekskurso 2014 en Nepalo / Nepalo
3.24 ~ 3.26 La 1a Irana Esperanto-Kongreso / Teherano, Irano
4.05 ~ 10 La 7a Mezorienta Kunveno / Tbilisi, Kartvelujo
7.18 ~ 25 La 70a Internacia Junulara Kongreso / Fortalezo, Brazilo
7.26 ~ 8.02 La 99a Universala Kongreso de Esperanto / Bonaero, Argentino

# KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)
**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la revuo (“Esperanto en Azio”)
**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee enchjo@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA
**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko
**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)
**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)
**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com

Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto)
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio) hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Lee Jung-kee (Koreio) esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio) steruhiro@hotmail.com.co.jp

**Estrarano de UEA:** Lee Jung-kee (Koreio)

## Retlistoj de Azia Esperantujo

1. Informa kaj diskutada retlisto pri Esperanto por ĉiuj: azio@yahoogroups.com. Por aliĝi, sendu al la retadreso vian mesaĝon: azio-subscribe@yahoogroups.com
2. Diskuta retlisto pri movadaj temoj por prezidantoj, estraranoj, eks-prezidantoj, direktoroj kaj aliaj respondeculoj kaj aktivuloj de landaj asocioj kaj lokaj kluboj: azia-agado@yahoogroups.com
   Por aliĝi: azia-agado-subscribe@yahoogroup.com
3. Diskuta kaj voĉdona retlisto de KAEM (nur KAEM-anoj aliĝas): azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

* Ne nur membroj, sed ankaŭ ĉiu ajn povas sendi sian mesaĝon al supre menciitaj unuaj du laborlistoj, ne aliĝinte al la listoj.

4. KAEM-informoj en Vikipedio/Wikipedia. Jen estas ĝia adreso: http://eo.wikipedia.org/wiki/Azia_Komisiono_de_UEA

Chimedtseren Enkhee encho@yahoo.com

……………………………………………………………………

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM: azia-agado@yahoogroups.com
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3